

# Informilo de Ĝemelaj Urboj

Reta revueto de UEA pri la projekto “Ĝemelaj Urboj”

Jaro 6  N-ro 2 (21)  junio de 2007

NOVAĴO

**AL LA AGANTOJ PRI LA PROJEKTO "ĜEMELAJ URBOJ"**

Kun plezuro mi ricevis la peton de Wu Guojiang skribi ion por ĉi tiu reta revueto.

Mi sekvis ĝin kun intereso kaj mi daŭre donis la ekzemplon de Wu Guojiang al tiuj, kiuj petis min pri la plej bona maniero agi kiel komisiito de UEA: agi daŭre, sendepende kaj kun klara celo. Tion faris Wu kaj vivigis ĉi tiun projekton.

Persone mi kredas, ke lokaj grupoj havas antaŭ si ankoraŭ longan vivon malgraŭ la interreto kaj ĝiaj sekvoj. Estas vero, ke homoj en difinitaj landoj pli kaj pli lernas per la reto, sed estas ankaŭ vero, ke post la lernado ili bezonas trovi vivantan homon (kun karno kaj ostoj, kiel oni diras en la itala) kun kiu paroli Esperanton. Tion plej ofte ili povas trovi en sia loka Esperanto-grupo, kiu restas la forĝejo de la Esperanto-komunumo kaj de ties kulturo. Levu la manon tiuj el la legantoj, kiuj ne almenaŭ unu fojon prunte prenis libron el sia kluba biblioteko aŭ de pli malnova esperantisto en la klubo.

Krome per la agado kunligi ĝemelajn urbojn Esperanto povas eliri el la movadaj kadroj kaj eniri la veran mondon. Tion bonege faris, por citi nur la lastan ekzemplon, la esperantistoj en la urbo Herzberg en Germanujo. Trovi siajn ĝemelajn urbojn kaj vigligi la kontaktojn kun la lokaj esperantistoj kaj pere de ili kun la neesperantista kuncivitanaro certe estas vojo al akirado de prestiĝo por Esperanto.

Pro ĉiuj ĉi tiuj kialoj, mi esperas ke la projekto, kiun energie gvidas Wu Guojiang, antaŭeniros al ĉiam pli grandaj sukcesoj.---Renato Corsetti, prezidanto de UEA

**PREZIDANTO CORSETTI EN HERZBERG**

Laŭ invito de la Interkultura Centro Herzberg (ICH), la prezidanto de UEA. d-ro Renato Corsetti, de la 12-a ĝis la 14-a de marto oficiale vizitis Herzberg am Harz (centra Germanio), unuanime proklamita de la urbestraro “la Esperanto-urbo”.

La urbestro de Herzberg, Gerhard Walter, kunvokis en la urbodomo honore al la vizitanto specialan laborkunsidon kun akcepto, en kiu partoprenis kaj la lokaj skabenoj kaj la gvidantoj de ICH. En tiu cirkonstanco la urbestro konfirmis la pluan subtenon de la urbo al la internacia agado de ICH, dum la prezidanto de UEA emfazis la varman apogon de la monda asocio de la esperantistaro al la dirita agado kaj anoncis, ke ĝi ricevos la oficialan aŭspicion de UEA. Post la kunsido, la urbestro regalis la esperantistan delegacion per tagmanĝo kaj samtage ĉeestis kun diverspartiaj politikistoj alian plurhoran kunvenon en la sidejo de ICH.

La loka gazetaro substrekis, ke la Esperanto-Centro Herzberg jam de kelkaj jaroj akiris grandan reputacion pro siaj sukcesoj rilate al publika apliko de la internacia lingvo en la urbo, ĝemeligita al Góra (Pollando). Kiel konate, Herzberg tutjare ofertas fak-seminariojn, studsesiojn, pedagogiajn tagojn kaj vintrosemajnojn, krom sennombraj Esperantaj kursoj por lernejanoj kaj plenkreskuloj. Informoj: http://ic-herzberg.de

**Reagoj al la projekto**

1. Trevor Steele en Aŭstralio: Kara Guojiang Wu, elkoran dankon pro via bona laboro por antaŭenigi nian lingvon per la rimedo de ĝemelaj urboj. Mi intencas esplori, ĉu la urbo, kie mi aktuale loĝas (Adelajdo, Aŭstralio) havas tiajn ĝemelajn rilatojn.

2. Otto Vaske en Brazilo: Kara samideano, hodiaŭ alvenis via alvoko pri ĝemelaj urboj, dankon. Mi estas unuopulo en Kaiurbo, suda Brazilo. Manko de monrimedo malhelpas min flugi al Jokohama. Belajn sukcesojn mi deziras al vi pro via diligenta laboro.

3. Antonio Felix da Silva en Brazilo: Kara amiko, s-ro Wu Guojiang. Saluton! Mi dankas vin pro la informiloj de ĝemelaj urboj. Mi legos ilin kaj ankaŭ mi parolos pri ili al miaj amikoj.

4. David Curtis en Britio: Saluton, kara Guojiang Wu! Koran dankon pro via tre interesa mesaĝo. Mi kredas, ke mi informis vin pasintjare ke mia klubo disiĝis en januaro 2005. La membraro estis tiom maljuna, ke oni ne povis facile atingi renkontiĝojn. Tamen, al tiuj kiuj uzas la reton mi ĵus sendis la raporton de Hans Fechler inkluzivitan de vi. Tio instruis al mi ne dependi je Esperanto sola por kuraĝigi ĝemeliĝon. Grava leciono por mi. Dum multaj jaroj mi maltrankviliĝis pri la maljusteco en tio ke parolantoj de la angla ne klopodas lerni fremdan lingvon, lasante tiun taskon al parolantoj de aliaj lingvoj, por interkompreno.

5. Nimubona Fedelique, prezidanto de ISUP (INTERNACIA SOCIETO DE LA UNIVERSALA PACO) en Burundio: Karega kaj respektinda s-ro Guojiang, mi ĵus ricevis vian ŝatindan mesaĝon kaj mi estas preta kunlabori kun vi pri ĝemelaj urboj. Nun mi tuj sendos al vi dokumenton el Burundia prezidenco pri tereno de nia Fama Civito de la Universala Paco kaj pri aliaj demendoj mi respondos vendredon .

6. Jan Werner en Ĉeĥio: Kara samideano, mi dankas por la Informilo de Ĝemelaj Urboj 1/2007, en la kunveno de EK Brno (CZ) mi informos pri ĝi. Ni daŭrigas la ĝemelan kunlaboron kun la franca Rennes kaj la germana Stuttgart.

7. Gongga Jianzan el Tibeto en Ĉinio: Mi estas tre ĝoja pro via informilo ! Mi ŝatas interŝanĝi kun PSP-amikoj.

8. Claude Gacond, la arkivisto de CDELI en Svisio: Altestimato, dankon pro la sendo de via reta informilo. Kopion ni konservos arkive en CDELI (Centro de Dokumentado kaj Esploro pri la Lingvo Internacia) en la Biblioteko de la Urbo La Chaux-de-Fonds. Se ankoraŭ ekzistas la antaŭaj numeroj, volonte mi rete ricevos ilin por kompletigi la kolekton.

9. Henri Masson en Francio: Etimata, Daŭre bonvenaj estos viaj informoj, kvankam mi ne povas fari ion pri ghemelurboj. Koran dankon.

10. Elizabet Barbay, Prezidantino de Bondy-Esperanto, Francio: Mi havis vian retadreson de Germain Pirlot. Interesus nin kunlabori en ĝemeligo de nia urbo (Bondy, apud Parizo), kun alilandaj urboj. Ĝis nun, malgraŭ kunlabor-proponoj al nia urbestraro, por rilati kun la jam ĝemelitaj urboj, ni neniel sukcesis enŝovi esperanton en tiujn aferojn. Mi supozas ke via gazeto povus helpi al ni en tiaj klopodoj. Mi anticipe dankas al vi pro sendado de via informilo.

11. Philippe Chavignon, UEA C-komitatano kaj dumviva membro en Francio: Estimata Wu Guojiang, Mi loĝas en Francio sed ofte estas eksterlande. Okaze de miaj agadoj kadre de la projekto Indiĝenaj Dialogoj mi plurfoje instruis esperanton en Gvatemalo. Tie juna indiĝeno - kies patro estas urbestro de la urbeto San Antonio Palopo,-,Aleksander Perez Sanĉez, kiun mi konis jam en sia infanaĝo, lernis esperanton kaj eĉ pasigis plurajn monatojn kun ni en Francio en 2005. Krome por motivigi la indiĝenojn lerni esperanton, ni lanĉis en 2005 projekton ekoturisman kaj solidaran. La unua vojaĝo okazis komence de 2006 kun grupo de 8 personoj inter. kiuj paro da

esperantistoj. Kun la grupo ni estis ricevitaj en la urbodomo de San Antonio Palopo. Pro tio kaj pro la restado de Aleksander en nia vilaĝo, Guillaumes "Guijom" en Francio, estis jam kelkaj interŝanĝoj da leteroj inter. la du urbestroj. Ĉar la patro de Aleksander ne rekandidatiĝos kiel urbestro, mi ŝatus akceli la procezon de ĝemeliĝo inter San Antonio Palopo kaj Guillaŭmes. Ĉu vi povus sciigi al mi ĉu estas oficialaj dokumentoj jam pretaj por oficialigi la ĝemeliĝon. Ĉu la ĝemeliĝo devas esti registrita en iu internacia instanco? Atendante novaĵojn viajn kaj gratulante pro via efika laboro.

12. Léna Leroy en Francio: Estimata s-ro Wu Guojiang, la Centra Oficejo de UEA indikis al mi vian adreson por peti liston pri ĝemel-urboj jam ekzistantaj per Esperanto Fakte, mi deziras lanchi similajn spertojn ĉi tie en Nov-Kaledonio (Oceanio) Sed kial do? Ĝis nun teritorio franca (do franc-lingva), Nov-Kaledonio situas tre proksime al Aŭstralio kaj Nov-Zelando, kiuj plu kaj plu deziras pligrandigi sian influon (do de la angla) Aliflanke la 'indiĝenoj' klopodas daŭrigi la uzadon de diversaj propraj idiomoj (ne-francaj) Nu, jam ja ekzistas kelkaj urb-ĝemelaĵoj, sed kiel Esperantistino mi volonte provus pruvi, ke krom per la franca kaj la angla, aliaj renkontoj eblas kaj eĉ necesas. Kun koraj antaŭdankoj al vi.

13. Ana Maria Molera en Hispanio: Estimata Sinjoro! Dankon por la sendo de "Informilo de Ĝemelaj Urboj". Interesa kaj grava por mia biblioteko. Vi povus trovi nin en: http://www.elmoianes.net. Nun mi laboras en la enlistigado de la revuoj de nia biblioteko en internet.

14. Máthé Árpád, FD de UEA pri E-periodaĵoj en Hungario: Estimataj! Mi tre serioze okupiĝas pri kompilado de Katalogo de Esperanto-periodaĵoj. Se mi ricevus de vi liston de la ĝemelaj urboj, mi reciproke sendus al vi liston pri la tie aperintaj E-periodaĵoj. Mi senpacience atendas vian aproban respondon, ja ĝis la UK en Jokohama ni devas esti pretaj (temas pri plurcentpaĝa Katalogo).

15.Giuseppe AFFATICATI en Italio: Estimata s-o Wu, mi tre dankas vin pro via kunlaborado kaj bondeziras al vi agrablajn tagojn.

16. HASHIGUCHI Shigejuki en Japanio: Estimata, viaj analizo, instigo kaj konsilo pri mia raporto bone donis al mi pluan kuraĝon, Dankon. Verdire, mi ĉiam pensas ke antaŭ ĝemeliĝo de urboj ni esperantistoj devas fari TTT-paĝon per Esperanto kiu prezentas nian urbon eĉ urbeton (Sue-machi ) same kiel mian.

17. Ali Mze Mihidjahi en Komoroj: Kara samideano, mi estas tre interesa pri la projekto sed mi ne finance kapablas partopreni en la 92-a UK.

18.. Rafael Cabrera en Kubo: Estimata s-ro Wu, dum mia vojaĝo al Havano s-ino Maritza kontaktis min kaj ŝi liveris al mi, vian sinceran mesaĝon, pro tio mi dankas vin.Mi volas, ke vi ne forgesas nin ĉar ni laboras intense por subteni la projeton en mia urbo kaj provinco kun aliaj urboj, do Maritza konas nian seriozan laboron kun la popola potenco kaj la urbestroj.

19. Mara Timermane en Latvio: Kara Wu Guojiang! Mi tre dankas vin pri sendita informilo pri "Ĝemelaj Urboj". Min tre ekinteresis unu reago: "8.S-ino Raita Pyhala el Finnlando: via revuo estas interesa, tamen ne indas sendi ĝin al mi, ĉar mi loĝas sola en arbara vilaĝo sen iaj ĝemelaj rilatoj aŭ eblecoj starti tiajn. Sukceson al vi". Nun mi gastas en Finnlando kaj iom da informojn mi enmetis en mian retpaĝon. http://www.geocities.com/verda_ondo/ZEO.html Ne estas vero, ke en malgranda vilaĝo meze de arbaro ne eblas starigi iajn Esperanto rilatojn. Mi spertis tion en Metsa "kyla" – 'Arbarvilaĝo'. Estis tre mirige vidi la arbaron kun arboj de diversaj landoj.Tamen ja ne temis pri iu speciale ĝemela, sed tiu ĉi sperto certe estas inda mencii kaj popularigi. Multaj

grandaj urboj eĉ ne havas tiom da Esperantista vivo, kiom mi vidis kaj spertis en malgranda vilaĝo. Estas vero, kiam oni diras - en malgranda vilaĝo oni povas realigi multe pli ol en granda urbo. En Iisalmi urbo kie mi nun gastas eĉ iam estis ebleco senpage partopreni la ĝemelurban interŝanĝvojaĝon al ĝemelurbo en Rusio Kirisxi, inter Moskvo kaj Peterburgo, sed tie dum tiu tempo ne estis Esperantistoj. Vi rajtas preni la informojn de mia retpaĝo.
http://www.geocities.com/mtimermane/Verda_Ondo
20. Ralph Schmeits, Sekretario de la Centra Oficejo de UEA en Nederlando: Estimata sinjoro Wu Guojiang, Dankon pro la lasta numero de Informilo de Ĝemelaj Urboj, numero 20. Ankaŭ la numerojn 18 kaj 19 mi pasintjare ricevis kaj registris por la elektronika kolekto de Biblioteko Hector Hodler de UEA. Se vi permesas al mi daŭrigi tiun kolektadon, mi volas peti vin sendi ankaŭ la numerojn 1 ĝis 17 al mi. Mi kredas ke vi antaŭe ja sendis ilin ankaŭ al ni, la Centra Oficejo de UEA, tamen mi ne tiel rapide trovas ilin en mia retpoŝta arkivo. Do la numerojn 1 ĝis 17 en .doc- aŭ .pdf-formato, se tio eblas, mi petas de vi. Mi kore dankas pro la konsiderado de mia peto, Elkore salutas.
21. Jose Dolores Gaitan Moreno en Nikaragvo: Kara samideano, Eddy Antonio Silva estas delegito de UEA en Nikaragvo, kaj mi, vicdelegito. Estas tre bona ideo la ĝemeliĝon de urboj. Estu bone ke que Managvo ĝemeliĝu kun Nagazaki, ekzemple, aŭ alian ajn japanan urbon. Mi jam legis pri la venonta kongreso en Jokohama en la marta revuo Esperanto, bedaŭrinde, ni ne povus partopreni en tiu kongreso. Feliĉan Esperantan kongreson.
22. Shabir Ahmad Sial, prezidanto de Pakistana Esperanto-Asocio: Kara Wu Guojiang, dankon por sendi al ni la n-ron 3 (18) kaj n-ron 4 (19) Informilo de Ghemelaj Urboj. Ambaŭ du estas tre bonaj kaj havas multajn informojn pri nia movado. Mi certe konigos ilin al niaj lokaj organizaĵojn kaj konatojn kaj novaj amikojn. Nun post kelkaj minutoj, mi trans sendos vian jen mesaĝon al nia landa listo.
23. Stanislao Smigielski en Pollando: Kara amiko, koran dankon por la sendita al mi Informilo pri Ĝemelaj Urboj, kvankam, mi kiel ano de Katolika klubo regule legadas tiujn informilojn en Internacia Gazeto - la reta revuo de niaj Geklubanoj. Bovolu tamen estonte ankaŭ laŭ mia retadreso sendadi tiujn informilojn, kiujn estas vaste enhavaj kaj tre estontecaj - la mondo estas tamen ĉiam pli la komuna malpligranda vilaĝo, ĉu ne?

Mi pensas, ke oni devus prelegi dum la UK-o en Jokohama pri la bonaj influoj de la reciproke kontaktiĝantaj Ĝemelaj Urboj je la vivmanieroj en ili, ĉar eble tio ekinteresos la eksteran mondon pri nia propono proksimigi la homojn de diversaj landoj en nia terglobo?!

Pasintjare, dum la E-renkonto en Krakovo, en majo 2006, preleginte pri mia E-vojo de la jaro 1963-a ĝis hodiaŭ, mi diris konklude, ke mi postrestadis tiel longtempe en Esperantujo pro tio, ke inter geesperantistoj malestas iuj kontraŭuloj de aliaj homoj - nome, inter ni geesperantistoj estas neniaj kontraŭjuduloj, kontraŭrusuloj, kontraŭgermanuloj, kontraŭarabuloj ktp. ni - geesperantistoj nepre devas montradi al niaj eksteraj medioj, ke inter ni MALestas antisemitismo, kiu bedaŭrinde ĉiam denove aperas en multaj landoj kaj estas la granda problemo por la lokaj estraroj, ĉu ne?

Eble oni ne temas pri tio, ke malestas inter ni eĉ unu tiu fiulo, tamen en multaj landoj estas sufiĉe grandaj problemoj kun la veraj malamikoj de alilandaj homoj kaj en nia Esperantujo tiu problemo malekzistas. Certe la movado de Ĝemelaj Urboj bone influas por tiu internacia kompreniĝo de diversaj homoj - tamen ĉiuj gefratoj de la Patrino Tero.

Mi mem ne partoprenos en UK-o en Jokohamo sed pensas, ke iu povus manifesti tiujn temojn -

ankaŭ ekz. en la angla lingvo por TV kaj gazetaro.Kun koraj salutoj al Vi kaj al ĉiuj viaj Geamikoj.
24. Aleksas Masiukas en Rusio: Nia urbo Murmansk havas 9 ĝemelajn urbojn kaj en 4 el ili ekzistas E-kluboj kaj nia klubeto kontaktas kun ili. Vere ni ne havas iujn apartajn kontraktojn pri l' ĝemeliĝo de la kluboj. Mi volonte tralegos la venintajn informilojn, sed ankaŭ petas, se eblas, sendi /aŭ doni adreson de la retpaĝo/ pli detalan informon pri la projekto "Ĝemelaj urboj".
25. Simba Mramba en Tanzanio: Estimata, Mi ne partoprenos al UK en Jokohamo, pro tio mi ne povas fari ion por la partorenantoj al la parolado pri Ĝemelaj Urboj, Sed nur mi petas vin, ke, se eble estas urbo kiun deziras ĝemeliĝon kun aliaj urboj, oni kontaktu min por ke ni starigu la ĝemeliĝon kun mia vilaĝo aŭ kun mia distrikta urbo Bunda kiu troviĝas proksime de la lago Viktorio kaj Serengeti nacia parko en Tanzanio en Afriko
26. GBEGLO Koffi en Togolando: Kara samideano, kun ĝojo mi regule ricevas vian retan bultenon. En ĝi mi bone scias nian movadon en Afriko. Estas plibone, ke mi povas legi informojn pri ĝemelaj urboj. Koran dankon pro viaj vortoj ! Informoj pri ĝemelaj urboj nun mankas al mi. Se tiajn vi povos sendi al mi, mi aperigos ilin.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

**Urba historio**

Dandong, nomita Andong antaŭ la jaro 1965, estas ĉemara urbo de Ĉinio, situas ĉe la orienta longitudo 123.22-125.41 kaj la norda latitudo 39.43-41.09, kun 2.4 miliono da popolo kaj la areo 14910 $km^2$. La kranio-fosilio de la popolo “Qianyang” montriĝis, ke la antaŭuloj dum la matriarka socio tie kreskiĝis kaj vivis, la ruinoj pruvis, ke tieaj popoloj eniris en neolitikon antaŭ la jaroj 6500 – 7000, kaj en epokon de la bronzo antaŭ la jaroj 3500-4000. Ĉio ĉi montras al ni, ke Dangdong havas longan historion.

Dandong ankaŭ estas la plej granda landlima urbo de Ĉinio, najbaras al la Demokratia Popola Respubliko de Koreio trans la rivero Yalu, kaj tervoje distancas de ĝia ĉefurbo Pjongjang je 220 km, kaj de Seoul, ĉefurbo de Korea Respubliko, je 420 km. Ĝi estas renkontiĝejo de Yalu-rivero kaj Huanghai-maro, tiea klimato estas tre agrabla kaj tie estas multaj vidindaĵo, do, ĝi fariĝas bela turisma urbo. Tiea enhavo estas nefrostiĝa en la tuta jaro.

Dandong havas solidan fundamenton en malpeza industrio, tekstilaj industrioj, elektronikaj industrioj, mekanikaj industrioj, medikamentoj ktp. Ĝi estas unu el la produktaj bazoj de la grenaj plantaĵoj de la provinco Liaoning. Tieaj mineralaj riĉfontoj estas multaj kaj ĝis nun 56 pecoj malkovritaj. La urbo-floro estas rododendro, kaj la urbo-arbo estas ginko.

**Esperanto-movado**

Frue en 1931 persono nomata Gao Naichang komencis lerni Esperanton. En la 9-a de junio de 1985 oifciale fondiĝis Dandong-a Esperanto-Asocio, nun ĝi havas pli ol 100 membroj, el kiuj kelkaj aliĝis al UEA pere de projekto C de KAEM. Esperanto-kurso por elementaj lernantoj estis la unua sukcesa ekzemplo en la Ĉina Esperanto-Movado. La kurson vizitis la delegacioj de la Labora Partio de la urbo Sinuiju de la Demokratia Popola Respubliko de Koreio, kaj de la ĝemelaj urboj Doncaster (Britio) kaj Tokushima (Japanio). La kursanoj faris profundajn impresojn sur la kongresanojn de la 71-a UK okazita en 1986, tiam n-ro 10 Ĉina Bildgazeto (China Pictorial), angla gazeto eldonita de Ĉinio, speciale raportis ilin sur la unua kovrilo. Ili tenis kontakton kun esperantistoj en Bulgario, Germanio, Svislando, Japanio, la eksa Jugoslavio, Francio ktp. Tiea movado ĉiam estas vigla. Neregule aperas Verda Stelo de Yalu-Rivero, organo de la asocio.

**Ĝemelaj urboj**

Dandong oficiale ĝemeliĝis kun Wilminton en Usono, Doncaster en Britio, Tokushima en Japanio, Astrakhan en Rusio kaj Uijenbu en Koreio. Bedaŭrinde oni ne trovis esperantistojn en tiuj urboj.---la redaktoro

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

**Saluton al ĉiuj aliaj lingvolanĉilanoj interesiĝataj pri interurba ĝemeliĝo**

Nia urbo "Ottignies-Louvain- la-Neuve" en Belgio estante ĝemelita kun la hungara urbo "Veszprèm", membroj de nia juna esperanto-klubo skribis al hungaraj UEA-delegitoj kiuj loĝas en Veszprem. Tiel ni konatiĝis kun Eva Golden kiu sukcesis restarigi Eo-klubon en Veszprèm. Post kelkaj monatoj, en julio 2005, tri membroj de nia klubo vojaĝis al Veszprem kie ili estis tre amike akceptitaj dum 3 aŭ 4 tagoj. En julio 2006, 5 veszpremanoj vojaĝis al nia urbo kaj ni sukcesis organizi oficialan akcepton en la urbodomo. Ja nia urbestro estas membro de la verda partio kaj almenaŭ 4 skabenoj estas favoraj al Esperanto sed, dum la oficiala akcepto, ĉiuj ĉeestantoj (plimalpli 30 homoj) estis impresitaj de nia kapablo komuniki esperante kun niaj hungaraj geamikoj. Intertempe niaj geamikoj de Veszprem ankaŭ pruvlegis la Esperantan tradukon de gvidlibro pri nia urbo. Yves Eeckhout <eeckhout.gailly@skynet.be> Vidu la blogon de nia klubo "Kvinfolio" http://esperantokvi nfolio.skynetblo gs.be/ Do provu trovi esperantoparolantojn en urboj ĝemelitaj kun via urbo.

**Mia vizito en Stuttgart**

**Sabato, tago dua**

La trajna vojaĝo kondukis nin suden de Stuttgart - unue ni haltis por unu aŭ du horoj en urbeto Esslingen, kie ni grimpis altan monton sur kiu troviĝas malnova kastelo ĉirkaŭigita de vitejo, kaj de sur kiu ni povis ĝui belan rigardon al la tuta urbeto. La fina haltejo de tiu tago tamen estis Tübingen - urbo situanta ĉirkaŭ unu horon de veturo sude de Stuttgart, tutlande konata kiel studenta urbo: Al ĝia enloĝantaro de 83.000 homoj preskaŭ per triono kontribuas studentoj, kiuj studas tie ĉe la Eberhard-Karola universitato, unu el la plej antikvaj universitatoj de Germanio. En Tübingen ni vizitis la kristnaskan foiron en la urbocentro, kiu estis plenŝtopita de homoj. Plej grave, ni en tiu urbo partoprenis spontanee organizitan renkontiĝon de junaj esperantistoj de tiu regiono. Kunvenis ĉirkaŭ dudek gejunuloj, inter ili unu usonano tiutempe laboranta kaj vivanta en Germanio, kaj ankaŭ unu knabino, novstudentino pri politologio kaj japanologio, kiun mi ankoraŭ estis rerenkontonta post kelkaj semajnoj dum silvestra semajnlonga restado en alia angulo de Germanio, kaj kiu dum tiu semajno fariĝis unu el miaj plej grandaj amikinoj - sed pri tio mi tiam ankoraŭ nenion sciis. Ni jen vagadis ĉiuj komune tra la urbo trarigardante la kristnaskan foiron, jen staradis en rondeto en iu strateto babilante, konatiĝante, amuziĝante kaj gustumante la tradician ardvinon aŭ senalkoholan punĉon, ĉiu laŭ sia prefero. Poste la tago finiĝis per komuna vespermanĝo en restoracio.

La nokton de sabato al dimanĉo, kaj cetere ankaŭ la sekvan de dimanĉo al lundo mi pasigis en la loĝejo de Evelyn, alia afabla loka esperantistino, kiu finstudis entreprenan informadikon (do fakon tre proksiman al mi, studento de informadiko ĉe la Masaryk-Universitato en Brno), antaŭ nelonge vizitis Meksikon kaj esperanton eklernis nur antaŭ malmultaj monatoj. Pro tio lasta ŝi fojfoje amuzadis min, kiam ŝi dum la parolado ofte senkonscie anstataŭigis iujn esperantajn vortojn per hispanaj (pro la simileco de esperanto al la latinidaj lingvoj ĝenerale).--Marek BLAHUŠ (daŭrigota)

***************************************************************************
Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto “Ĝemelaj Urboj”
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
CN-113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com ghemelurboj@yahoo.com.cn